# Etnismo

N-RO 15 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 30.04.77

# POLLANDO -
## INTER GERMANOJ KAJ TATAROJ




La Popola Respubliko Pollando nuntempe nomas sin pure pola ŝtato kaj, en siaj statistikaj jarlibroj, ne donas precizajn informojn pri la ne-pol-etnaj civitanoj. Ne okazas nombrado kun la kriterio de etnaneco. En la revuo "Argumenty" de 14.09.1969 Bolesław Porowski skribis: "En Pollando de la 60-aj jaroj vivas proksimume 453.000 civitanoj de ne-pola etnaneco. Ilia nombra forto estas jena: ukrainanoj - 180.000, belorusoj - 165.000, judoj - 31.000, slovakoj - 21.000, rusoj - 19.000, litovoj - 10.000, ceteraj (germanoj, ciga-noj, grekoj, makedonoj kaj ĉeĥoj) - 27.000."

Jen nombroj kiuj ne estas senkritike akcepteblaj, ĉar anoj de la

koncernataj etnaj grupoj same kiel surlokaj esploroj kaj trarigardo de jen-kaj-jenaj raportoj mencias tute aliajn nombrojn. Nur la germanoj, oficiale nomataj "aŭtoktonoj", ampleksas unu milionon, kaj fakte ekzistas preskaŭ 800.000 ukrainanoj. Tiel do Pollando ne plu enhavas nur 54-procente polojn (kiel en 1939), sed tamen ankoraŭ minimume 7 % de la enloĝantoj ne estas pol-etnaj.

Oni jam multe parolis pri la problemo de la germanoj restintaj en Pollando (interalie en ETNISMO 12, p. 6 - 8), tiel ke ĉi tie temos nur pri la aliaj etnoj.

## LA UKRAINANOJ

Antaŭ la Dua Mondmilito en Pollando vivis preskaŭ 5 milionoj da ukrainanoj. Laŭ la popolnombrado de 09.12.1931 la ukrainanoj kaj rutenoj konsistigis 13,9 % de la tutŝtata enloĝantaro de Pollando. La apartiĝo de la orientaj polaj teritorioj en 1939/45 igis la plej multajn ukrainanojn civitanoj de Sovetunio. Tamen restis en Pollando 500.000 personoj deklarintaj, en 1931, esti ukrainanoj kaj krome centmiloj da homoj, pro la antaŭmilita pola teroro, ne deklarintaj sian ukrainanecon. Inter 1945 kaj 1948 Pollando translokis pli ol 400.000 ukrainanojn al Sovetunio, kaj ofte la aŭtoritatojn kaj komisionojn atakis kaj ĝenis la tiutempe ankoraŭ aktivanta ukraina liberiga armeo. Pliaj 160.000 ukrainanoj estis deportitaj okcidenten en la antaŭe germanajn teritoriojn. Inter tiuj ĉi deportitoj estis dekmiloj da lemkoj (anoj de ukraina montara popolo kun tre klaraj karakterizaĵoj el la nordaj karpatoj). En 1963 vivis nur en la distrikto Olsztyn/Allenstein pli ol 50.000 ukrainanoj, en tiu de Koszalin/Köslin 30.000, 20.000 ĉirkaŭ Vroclavo, po 10.000 apud Szczecin/Stettin kaj Zielona Góra/Grünberg kaj malpli grandaj grupoj apud kaj en Gdańsk/Danzig, Gorzów Wlkp./Landsberg kaj en 90 pliaj lokoj de la antaŭe germanaj teritorioj. Lemkoj troveblas precipe en malsupra Silezio. Post la milito la ukrainanoj estis objekto de la malnova malamo de poloj jam terorintaj inter la militoj kontraŭ la ukrainanoj. La 100 malnovaj vilaĝoj de lemkoj estis komplete detruitaj, la grek-katolika rito estis malpermesita en la preĝejoj kiujn oni transformis en rom-katolikajn. Kontraŭe al ĉiuj principoj de Lenina politiko koncerne minoritatojn oni malatribuis al la ukrainanoj ĉian rajton de etna grupo.

Depost 1952 la pola registaro paŝas modere. En 1956 oni permesis fondon de la "Ukraina Soci-Kultura Societo" kiel tegmento de la ukrainanoj. Estis kreita la semajn-gazeto "Naŝa Kultura", en kiu rezerviĝis aparta paĝo por la lemkoj. Tiu ĉi societo rapide etendiĝis kaj ampleksas nun preskaŭ 200 lokajn grupojn. De 1956 ekzistas unuiĝo de ukrainaj literatur- kaj art-aktivistoj, kiu prizorgas kulturajn domojn, bibliotekojn kaj teatrajn ensemblojn. En la lernojaro 1956/57 aperas la unuaj du elementaj ukrainaj lernejoj en Pollando, en 1958/59 aliaj kvar aldoniĝis kaj eĉ du ukrainaj duagradaj lernejoj en Legnica/Liegnitz kaj Przemyśl, kiuj tamen ekzistis nur dum malmultaj jaroj. En aro da lokoj ekestis elementaj lernejoj. En kelkaj polaj gimnazioj la ukraina lingvo estas fakultativa fako.

## LA BELORUSOJ

Simile kiel en la kazo de la ukrainanoj, ankaŭ la nombro de la belorusoj falis pro la apartiĝo de la orientaj teritorioj: De 1,7 milionoj, en 1931, ĝi malkreskis ĝis 200.000 niatempe. La belorusoj loĝas precipe en la orienta parto de la distrikto Białystok. Ili estas je 90 % et-kamparanoj, kaj nur 3 % loĝas en urboj. La belorusoj estas plejparte grek-ortodoksaj kristanoj subpremitaj en Pollando antaŭ la milito.

Same por la belorusoj de Pollando nur en 1956 komenciĝis nova ĉapitro de ilia historio, kiam en Białystok povis esti fondita tegmenta asocio de la belorusa etna minoritato. En 1963 ekzistis jam 9o lokaj grupoj. Ĝia semajna gazeto estas "Niwa", kiu aplikas ortografion proksiman al tiu de la Belorusa SSR. La lernejoj de tiu ĉi minoritato havas similajn trajtojn kiel tiu de la ukrainanoj: La nombro de la lernejoj kaj lernantoj konsiderinde malkreskas, kaj belorusaj lernejoj transformiĝas en polajn, kie la belorusa estas nura fakultativa studobjekto. Pri la aktiveco de la belorusoj legeblas en la menciita numero de "Argumenty": "Sobraj indikoj atestas pri la tre fervora agado: 252 prelegoj dum unu jaro, 83o ekspozicioj dum tri jaroj, tre granda nombro de filmprezentoj. Kalendaro aperas beloruse. Dum la 12 jaroj de sia agado la asocio publicis 23 verkojn kun eldonnombro de sume 98.ooo ekzempleroj, el kiuj ĝis nun nur 5.ooo restas nevenditaj. La asocio subtenas 68 amatorajn rondojn, liveras al ili repertuaron kaj instrukcias ilin. Oni havas perspektivon por pluevoluigi tiun ĉi laikan movadon. Oni ne konstatas negativan influon de televido. De jaroj aktivas 7-persona muzikistaro ĉe la asocio. Ĝi traveturas la landon kaj aranĝas jare meznombre 17o koncertojn. /...../ La membroj de la asocio veturas tra la vilaĝoj por savi la malaperantan folkloron."

## LA SLOVAKOJ KAJ ĈEĤOJ

La pli ol 3o.ooo slovakoj vivas apud la pol-slovaka limo kaj originas, kiel minoritato en Pollando, el teritoriaj apartiĝoj el la hungara monarkio kaj el arbitracia kontrakto inter Pollando kaj Ĉeĥoslovakio. Ili vivas en 27 municipoj de la subdistrikto Nowy Targ. - En Pollando ekzistas nur 6.ooo ĉeĥoj, post kiam 36.ooo ĉeĥoj de Volhinio estis, en 1939/45, fariĝintaj sovetuniaj civitanoj kaj translokitaj, ĝis 1947, en eks-sudetgermanajn regionojn de Ĉeĥoslovakio. La ĉeĥoj plejmulte estas idoj de tiuj religiaj elmigrintoj devintaj forlasi Bohemion dum la kontraŭreformacio. Ili loĝas nun apud Łódź, kaj ĉeĥoj vivas ankaŭ ĉe Kłodzko/Glatz. La "Ĉeĥoslovaka Kultura Societo en Pollando", kun sidejo en Krakovo, eldonas la monatan revuon "Život", en kiu la plej multaj artikoloj estas slovaklingvaj. Post fermiĝo de la ĉeĥa lernejo de Zelów (apud Łódź) daŭras nur kelkaj slovakaj lernejoj kun konstante malkreskanta lernantaro. La slovakoj tamen multe pli forte insistas pri sia etneco ol la ĉeĥoj. Ilia religianeco, la kulturado de la slovaka eklezia kanto kaj propraj slovakaj pastroj igas la slovakajn parohodomojn centroj de slovakeco. Ilia eklezia politiko ne nur frontis la varsovian registaron, sed ankaŭ la krakovan ĉefepiskopon, kiam en 1963 pola pastro intencis anstataŭigi la slovakajn kantojn per polaj. La slovakoj venkis.

## LA JUDOJ

La indiko de A. Kwilecki kaj B. Porowski pri 31.ooo judoj en 1969 estas jam historia. La kruda varsovia kontraŭjudismo post la palestina milito de 1967 pelis preskaŭ ĉiujn judojn al elmigro. Pollando, kiu en 1939, do antaŭ la german-nazia ekstermado, havis ankoraŭ 3,5 milionojn da judaj civitanoj (t.e. pli ol nuntempe Israelo), jam en 1973 nombras malpli ol 4.ooo judojn inter siaj enloĝantoj. Propagandcele ankoraŭ aperadas la jida semajngazeto "Popolvoĉo" en hebrea skribo. Tamen plimultiĝas pol-lingvaj kontribuaĵoj. Same la jida teatro de Varsovio (krom la "Teatrul Evresc" de Bukareŝto la lasta jida teatro de Eŭropo) servas nur el propaganda vidpunkto. Depost 1947 ĝi ludis en ruino kaj ricevis en 197o novan domon kune kun la "Juda Kulturinstituto".

## LA LITOVOJ

Malgraŭ la sistema poligado ankoraŭ konserviĝas 1o.ooo litovoj en Pollando. Paradokse ili nun ĝuas pli da prizorgado ol la okoble pli granda litova etna grupo en malnova Pollando. Post la aligo de Vilno al Sovetunio nuntempe restas litovoj en la subdistriktoj de Sejny kaj Suwalki kaj krome en Varsovio, Vroclavo kaj Gorzów Wlkp./Landsberg. La sidejo de la "Soci-Kultura Societo de la Litovoj en Pollando" estas en Sejny (antaŭe en Puńsk). La revuo "Aŭsra" portas sian nomon memore pri la tutunua litova gazeto, kiu post 1883, pro cara malpermeso, povis aperadi nur en Tilsit/Sovetsk.

## LA CETERAJ GRUPOJ

La nombro de la ciganoj estas plej malfacile konstatebla. Fare de la hitlera reĝimo puŝitaj al la rando de pereo, post 1945 multaj ciganoj devis fini sian nomadecon, ĉar Varsovio entreprenis intensajn paŝojn por lokfiksi ilin, kio en 1964 estis leĝe ordigita. En 1969 laŭdire ĉiuj 12.ooo ciganoj de Pollando (en 1953 temis ankoraŭ pri 3o.ooo) estis jam lokfiksitaj. - La makedonoj kaj grekoj de Pollando ampleksas pli ol 1o.ooo personojn. Ili estas fuĝintoj el la greka intercivitana milito, kiu igis elmigri dekmilojn da grekoj kaj makedonoj en ĉiujn landojn de orienta Eŭropo kaj al GDR. Semajna revuo "Dimokratis" interligas ilin en Pollando. - La 5.ooo armenoj de la armena ĉefepiskopejo Lvovo estis jam komence de tiu ĉi jarcento preskaŭ tute poligitaj, tamen konservante sian riton kaj sian eklezian lingvon. Post la okupiĝo de Lvovo ili fuĝis en Pollandon, kie ili - laŭ la libro "Oriente Cattolico" de 1962 - vivas ankaŭ en Silezio. - Proksime de Białystok ankoraŭ troviĝas islamaj tataroj, kiuj estas posteuloj de la iamaj regantoj de Rusio batalintaj en 141o apud Tannenberg kontraŭ la Germana Ordeno. Kiel informas la islama gazeto "Preporod" de Sarajevo (Jugoslavio), en la lernojaro 1973/74 tataro el Pollando enskribiĝis por studado en la korana akademio de Sarajevo. Jerzy Walicki, en sia libreto "Konfesioj en Pollando", mencias 6 islamajn parohojn kun 2 moskeoj kaj 3 pastroj. Estas kurioze ke la poligitaj tataroj iam uzis la araban skribon en la pola lingvo.

## KONKLUDE

Konsiderante la energian defendadon de la eksterlandaj poloj fare de Varsovio, oni devas diri ke la preskaŭ-neado de la propraj etnaj minoritatoj estas hontiga. Ankaŭ la katolika eklezio, kiu sendas en multajn landojn pastrojn de la "Societo por Animpaŝtado de Elmigrintoj" de Poznań, diskriminacias la latin- kaj grek-ritajn minoritatojn etnajn. Dum rezidas ekzemple en Essen (FRG) provincialo de la "Societas Christi pro Emigrantibus" kaj aktivas dekoj da polaj pastroj en FRG, la vatikana agnosko de la novaj episkopejoj en la iam germanaj teritorioj, farita pro "pastradaj kaŭzoj", produktis nenian pastradan plibcniĝon por la religianoj el la etnaj minoritatoj.

Rudolf Grulich

-----------------------

Notoj: (1) Pollando havas 34.18o.ooo da enloĝantoj sur 312.677 $km^2$.

(2) La aŭtoro de la supra artikolo ne mencias la kaŝubojn, kiuj estas proksimume 4.5oo personoj kaj loĝas dise okcidente kaj nordokcidente de Gdańsk/Danzig. La kaŝuba estas konsiderata de kelkaj sciencistoj ne aparta slava lingvo, sed pola dialekto.

# EUSKAL HERRIA

## LA EŬSKERA LINGVO EN LA LERNEJOJ




Turninte nin meze de februaro 1977 al la filioj de la hispana ministerio pri edukado kaj scienco en la provincoj Araba/Alava, Bizkaia/Vizcaya, Gipuzkoa/Guipúzcoa kaj Nafarroa/Navarra, al la prefekto de la franca departemento de Atlantikaj Pireneoj kaj al du privataj vaskaj institucioj por enketi pri la aktuala pozicio de la eŭskera lingvo en lernejoj, ĝis redaktofino respondis nur la edukministeria filio de Bizkaia kaj la inspektoro de Atlantikaj Pireneoj. Jen resume la enhavo de la leteroj:

## BISKAJO

1. Okazas kursoj pri la eŭskera lingvo en:

   42 ĝeneralaj lernejoj (frekventataj de la 6- ĝis 13-jaruloj) kie lernas la eŭskeran (el 18o.ooo lernejanoj) 4o.ooo gejunuloj;

   23 gimnazioj (3- respektive 4-jaraj) kie lernas la eŭskeran (el 26.ooo) 5.ooo gejunuloj.

2. La eŭskera estas instrulingvo en:

   15 ĝeneralaj lernejoj kun 8.ooo gelernantoj;

   2 gimnazioj kun malpli ol 1.ooo gelernantoj.

3. Ĉiuj indikoj rilatas ekskluzive al ŝtataj lernejoj. La ministe-

ria filio supozas ke en la privataj lernejoj la nombroj ne estas malpli altaj ol en la ŝtataj.

4. La nombro de semajnhoroj por la instruado de la eŭskera ne estas fiksita; meznombre temas pri 2 ĝis 3 horoj.

5. La eŭskera estas fakultativa en ĉiuj niveloj, escepte - kompreneble - de la lernejoj kiuj instruas per la eŭskera lingvo mem (en kiuj tamen ekzistas ankaŭ kastililingva instruado).

6. La instruistoj de la eŭskera prepariĝas per kvar-jara kurso (same kiel por aliaj vivantaj lingvoj) en la (ne-universitata) "Oficiala Lernejo de Lingvoj" en Bilbo aŭ per kursoj de la "Reĝa Akademio de la Eŭskera Lingvo" aŭ en la institucio "Euskerazaleak".

7. La ministeria filio substrekas ke en la najbara provinco de Gipuzkoa oni multe pli parolas eŭskere kaj havas multe pli da kursoj pri kaj en tiu ĉi lingvo.

8. La leteron akompanas detala statistiko pri la eŭskera lingvoscio de ĉiuj lernantoj de la 5-a lernojaro en ĉiuj ŝtataj ĝeneralaj lernejoj de la provinco de Bizkaia en 1975/76, laŭ distriktoj (komparu la skizan mapeton en paĝo 5):

1 - totala nombro de la lernantoj de la 5-a lernojaro;
2 - parolas kaj skribas eŭskere;
3 - parolas, sed ne skribas;
4 - paroletas;
5 - komprenas, sed ne parolas;
6 - nek parolas, nek komprenas la eŭskeran.

| distrikto | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Mungia | 5o1 | 47 | 117 | 52 | 11 | 274 |
| % | 1oo | 9,38 | 23,32 | 1o,38 | 2,2 | 54,69 |
| Gernika | 775 | 187 | 259 | 87 | 48 | 194 |
| % | 1oo | 24,13 | 33,42 | 11,23 | 6,19 | 25,o3 |
| Markina | 6o9 | 194 | 237 | 63 | 23 | 92 |
| % | 1oo | 31,85 | 38,92 | 1o,34 | 3,78 | 15,11 |
| Durango | 1.865 | 226 | 3o2 | 122 | 26 | 1.189 |
| % | 1oo | 12,12 | 16,19 | 6,54 | 1,4 | 63,75 |
| Zeanuri | 4oo | 43 | 74 | 43 | 2o | 22o |
| % | 1oo | 1o,75 | 18,5 | 1o,75 | 5,o | 55,o |
| Bilbo | 18.921 | 5oo | 342 | 915 | 38o | 16.784 |
| % | 1oo | 2,64 | 1,81 | 4,84 | 2,o | 88,71 |
| Balmaseda | 654 | --- | 2 | 4 | --- | 648 |
| % | 1oo | --- | o,31 | o,61 | --- | 99,o8 |
| Provinco | 23.725 | 1.197 | 1.333 | 1.286 | 5o8 | 19.4o1 |
| % | 1oo | 5,o5 | 5,62 | 5,42 | 2,14 | 81,77 |




# ATLANTIKAJ PIRENEOJ

Bedaŭrinde la inspektoro kompetenta pri la departemento de Atlantikaj Pireneoj (en kiu troviĝas la tri ekspro-vincoj de Lapurdi, Nafarroa Beherea kaj Zuberoa) ne donis multajn detalojn indikante nur ke:

1. 5 migrantaj instruistoj gvidas 18 grupojn (kiom da horoj?) en jenaj 12 infanvartejoj: Donibane-Lohitzune, Bidarte, Ziburu, Hendaia (3x), Urruña, Kanbo (2x), Hazparne (2x) kaj Louhossoa;
2. 23 instruistoj, ĉiusemajne 1 horon, donas enkondukon en la eŭskeran lingvon en siaj propraj klasoj, en diversaj malgrandaj vilaĝoj (temas pri elementaj lernejoj);
3. en 8 gimnazioj oni instruas la eŭskeran, parte en la kadro de la normala horaro, parte kadre de apartaj aktivecoj: Baiona (2x), Donibane-Lohitzune (2x), Kanbo, Hendaia, Donibane Garazi kaj - eĉ ekster la vera eŭskera lingvoteritorio! - Ortheze; la instruistoj de tiuj ĉi kursoj faras ilin krom sia normala deĵortempo.

---

# LA MOVADO DE LA IKASTOLOJ

Oni scias ke ekzistas grava movado de "ikastoloj"; sed ĝenerale oni ne scias multe pli.
La "ikastolo" estas la lernejo /instruanta/ en la eŭskera lingvo kaj ĝi ampleksas hodiaŭ la Ĝeneralan Instruadon ĝis la 8-a kurso (t.e. ĝis la 14-a vivojaro). (En norda Vaskio la "ikastolo" ne ampleksas tiom /da jaroj/; sed ne estas nia intenco eniri tiuj detalojn, sed doni tutecan ideon pri tiu movado.) Ne nomiĝas "ikastoloj" tiuj lernejoj, en kiuj ekzistas certa dulingveco. Same ne nomiĝas "ikastoloj" tiuj lernejoj, kiuj instruas en eŭskera gejunulojn pli ol 14-jarajn (gimnazioj).
Nuntempe la nombro de infanoj ricevantaj unuagradan instruadon en la eŭskera lingvo estas jena:

| | | |
|---|---|---|
| Gipuzkoa ................ | 24.ooo | infanoj |
| Bizkaia ................. | 8.ooo | " |
| Nafarroa /Garaia/ ....... | 5.ooo | " |
| Araba ................... | 3.ooo | " |
| norda Vaskio ............ | 6oo | " |
| sume | 4o.6oo | infanoj |

Ĝenerale, la "ikastoloj" grupiĝas en federacioj, laŭ provincoj. La plej forta de la federacioj estas tiu de Gipuzkoa, kiu kontrolas nuntempe 22.7oo infanojn en tiu provinco (t.e. pli ol la duonon de la totalo). Oni estas stariganta /tutvaskian?/ federacion, kies asembleo povus baldaŭ okazi. Tiu ŝajna anarkio estas komprenebla, se oni atentas ke la "ikastolo" estis elstare popola - ofte loka - movado, kiu emerĝis el faŝisma ĉirkaŭo, kiu faris nenion por faciligi kaj eĉ nur por permesi la kunordigon de la movado.
La instruistoj estas ĝenerale virinoj (pli ol 7o % nuntempe estas "andereñoak", t.e. fraŭlinoj). De kelkaj jaroj viroj pliampleksigas la vicojn de la instruistoj kun kreskanta intenseco.
Ĉi-momente ekzistas 1.4oo "ikastolo"-instruistoj (754 en Gipuzkoa, pli ol la duono de la totalo), el kiuj proksimume 3o apartenas al la federacio "Seaska" de norda /francia/ Vaskio.
En la "ikastoloj" oni utiligas kiel /instru-/vehiklon la "euskera batua"-n /unuecigitan eŭskeran lingvon/: ortografion, deklinacion, konjugacion kaj bazan vortaron fiksitajn de la vaska akademio "Euskaltzaindia", kun varioj de aplikado laŭ la zonoj. La opozicio kontraŭ ĝia uzado havas du diversajn originojn: 1-e la gravan dialektan diferencon (precipe en la verbo) inter la eŭskera de hejme kaj tiu de la "ikastolo" en la regionoj de la biskaja parolformo; 2-e la ideologian opozicion de certaj patriotaj medioj kontraŭ la "euskera batua" rigardata kiel manovraĵo de la hispana komunismo kontraŭ la lingvaj normoj de Sabino Arana Goiri /1865-19o3, iniciatinto de la moderna vaska nacia movado, fondinto de la Vaska Nacia Partio, 1895/.
La "ikastolo" havas hodiaŭ, por siaj sep niveloj, sume 24 librojn (pri religio, matematiko, ĝenerala orientado ktp.). Dum tiu ĉi lernojaro estos publikigitaj 4 pliaj, kio signifas totalon de 28 instrulibroj eldonataj ĝenerale de "Gero" kaj "Iker". Tiuj estas libroj de bonega aspekto kiuj bezonas neniel envii la korespondajn hispanajn aŭ francajn tekstojn. Tiuj tekstoj estas ĉiuj en "euskera batua" kaj ili kostis 24 milionojn da pesetoj.
La instruistoj dividiĝas en tri kategoriojn: agregaciuloj, licenciuloj kaj ne-diplomitoj. Iliaj respektivaj salajroj varias ege de unu "ikastolo" al alia: Ekzistas malriĉaj "ikastoloj" kaj riĉaj. Informcele kaj konsciante ke ekzistas grandaj diferencoj oni povas diri ke hodiaŭ la respektivaj salajroj estas 27.ooo, 22.ooo aŭ 17.ooo pesetoj. Nun oni parolas pri 2o-procenta plialtigo por ĉiuj /tri kategorioj/. Sed ekzistas instruistinoj kiuj laboras hodiaŭ por nur 12.ooo pesetoj monate.

Kvankam la problemo ŝajnas ĝenerale solvita, ekzistas certagrada disiĝo inter, unuflanke, la geinstruistoj kaj, aliaflanke, la gepatroj. Ankoraŭ ekzistas problemoj en certaj "ikastoloj": Kelkaj gepatroj plendis pri tio ke oni ne sufiĉe intense faras kristanan edukadon. Tamen, la tekstoj pri religio ekzistas kaj estas, ĝenerale, traktataj kiel deviga fako en ĉiuj lernojaroj.

-------------------------

<u>Notoj:</u> (1) Tiu ĉi artikolo pri eŭskerlingva instruado estas maksimume ekzakte laŭvorta traduko de "El movimiento de las ikastolas", el "Garaia", n-ro 24, 1o/17-o2-1977, p. 32.
(2) "Ikastolo" signifas "lernejo kun eŭskerlingva instruado". La eŭskera vorto "ikastola" (plurale: "ikastolak") estas neologismo tiusenca; normale "lernejo" estas "eskola".

congrés de cultura catalana

# 1 Esforç col·lectiu

El Congrés de Cultura Catalana és una reunió i una conjunció d'esforços dels ciutadans dels Països Catalans que, conscients de la situació de la seva cultura considerada en els seus aspectes més diversos, s'apleguen en una empresa col·lectiva per a treballar bàsicament en tres objectius:

# 3 Objectius

Estudiar els problemes, la situació de la Cultura Catalana i proposar-ne solucions per al futur.

Sensibilitzar el nombre més gran possible de ciutadans de l'abast dels problemes i de la necesitat de solucionar-los.

Iniciar la creació d'una sèrie de mitjans indispensables per a ser una cultura desenvolupada normalment.

# 2 Conviccions

Estem convençuts que aquests tres objectius no es poden basar en l'evocació més o menys nostàlgica o sentimental del passat. Estem convençuts, també, que no pot bastir-se cap projecte de futur que serveixi per a la totalitat dels qui vivim i treballem als Països Catalans sense la recuperació de la identitat col·lectiva d'aquests Països i sense donar totes les possibilitats de plenitud a la nostra cultura, que ens és o se'ns farà pròpia, i tard o d'hora ens marcarà individualment i col·lectivament.

**AQUEST CONGRÉS ENS AFECTA A TOTS**

Adreso: Congrés de Cultura Catalana
Col.legi d'Advocats de Barcelona
Mallorca, 283
Barcelona - 9
Hispanio

(Pliaj informoj troveblas en paĝo 1o.)

# K O N G R E S O de K A T A L U N A K U L T U R O

## 1 Klopodo, kolektiva

La Kongreso de Kataluna Kulturo estas unuiĝo kaj kuniĝo de klopodoj de la civitanoj de la Katalunaj Landoj, kiuj, konsciaj pri la situacio de sia kulturo rigardata en siaj plej diversaj aspektoj, kuniĝas en kolektiva entrepreno por labori baze kun tri celoj:

## 3 Celoj

Studi la problemojn, la situacion de la Kataluna Kulturo kaj proponi solvojn por la estonto.

Sentivigi laŭeble plej grandan nombron de civitanoj pri la amplekso de la problemoj kaj pri la neceso solvi ilin.

Iniciati la kreon de aro da rimedoj nepraj por esti normale evoluanta kulturo.

## 2 Konvinkoj

Ni estas konvinkitaj ke tiuj tri celoj ne povas baziĝi sur la elvoko plimalpli nostalgia aŭ sentimentala de la pasinto. Ni estas konvinkitaj, ankaŭ, ke oni ne povas konstrui estontecan projekton, kiu servu al la tuto de ni vivantaj kaj laborantaj en la Katalunaj Landoj, sen reakiro de la kolektiva identeco de tiuj Landoj kaj sen doni ĉiujn eblecojn de kompleteco al nia kulturo, kiu estas aŭ iĝos nia propra kaj kiu malfrue aŭ baldaŭ nin stampos individue kaj kolektive.

**TIU ĈI KONGRESO KONCERNAS NIN ĈIUJN.**

# TUTJARAJ KONGRESAKTIVAĴOJ

En la kutima senco de la termino ĉi-kaze tute ne temas pri kongreso, ĉar la aktivaĵoj estas dissemitaj tempe kaj space: Dum pli ol unu jaro tra tuta Katalunio okazadas kunvenoj, artoprezentoj, diskutoj ktp. sub la vidpunktoj de la tri menciitaj celoj. Aparte substrekindas la geografia etendiĝo: La politika dekstro de Hispanio, de jardekoj aŭ de jarcentoj klopodegas mallarĝigi la signifon de "katalun-", kiu rilatu nur la kvar provincojn de Barcelona, Girona, Lleida kaj Tarragona, dum oni apliku al la aliaj provincoj "valenci-" kaj "balear-", kio trompus, ĉar la teritorio de la katalunaj lingvo kaj kulturo evidentege inkluzivas la provincojn de Alacant, Barcelona, Castelló de la Plana, Girona, Illes Balears, Lleida, Tarragona, València, krome la iaman provincon Rosselló (departemento de Orientaj Pireneoj de Francio), la suverenan ŝtaton Andoro kaj la urbon L'Alguer (Sardio, Italio); eĉ longa, kvankam mallarĝa zono de Aragono (provincoj de Huesca, Zaragoza kaj Teruel) estas katalunlingva, dum la Aran-valo de la provinco de Lleida kaj pli-malpli vastaj partoj de la provincoj de Castelló de la Plana, València kaj Alacant ne plu apartenas al tiu lingvoteritorio (Aran-valo: okcitana; la aliaj tri: kastiliaj). Nun tiu Kongreso de Kataluna Kulturo manifestas de Rosselló tra Andoro kaj Balearoj ĝis Alacant la komunecon de lingvo kaj kulturo. Oni laboras en 25 sekcioj aŭ kampoj:

| | | |
|---|---|---|
| lingvo | ekonomio | literaturo |
| eduka strukturo | medicina prizorgo | plastiko |
| esplorado | industrio | teatro |
| historio | agrikulturo | arkitekturo kaj desegno |
| socia strukturo | ŝipado kaj fiŝkaptado | antropologio kaj folkloro |
| juro | turismo | sporto kaj libertempo |
| institucioj | muziko | komunikrimedoj |
| ordigo de la teritorio | kino | religio |
| | | eksterena prezento de la kataluna kulturo |

Pri ĉiuj ĉi aspektoj de la socio okazas inter aprilo kaj novembro 1977 fin-kunsidoj en po unu urbo por decidi pri rezolucioj koncerne la apartan kampon, kaj la 27-an de novembro 1977 oni aranĝos la komunan ferman kunvenon, post kiam oni estos voĉdoninta, tri semajnojn antaŭe, pri la Manifesto de la Kataluna Kulturo.

Ŝajnas ke tiun Kongreson aktive subtenas la grandega plimulto de la katalunlingvaj intelektuloj el ĉiuj kampoj, same multaj sociaj kaj politikaj organizoj. Individuoj povas membriĝi en la Kongreso per pago de 1.ooo,- ptoj, kaj per pliaj 2.ooo,- ptoj oni aliĝas - se oni deziras - al unu aŭ maksimume du el la s.m. sekcioj.

En la sekcio pri la lingvo oni estas traktanta jenajn temojn:

* La enmigrintoj kaj la kataluna lingvo
* Normaligo de la kataluna en la komunikrimedoj
* Normaligo de la kataluna en industrio kaj servoj
* Normaligo de la lingvo en la instruado
* La oficiala uzo de la kataluna

En la sekcio pri eduka strukturo oni laboras pri plej diversaj aspektoj kaj problemoj inter infanvartejo kaj universitato (ne unuarange el la vidpunkto de la lingvouzo!). En Andoro, tamen, elstaras la aspekto de la instru-lingvo: Kvankam la kataluna estas, de ĉiam, la oficiala lingvo de tiu ŝtateto, la instrulingvo estas la kastilia respektive la franca, ĉar estas Hispanio kaj Francio kiuj starigis kaj vivtenas la du eduksistemojn en Andoro. Do, tie temas efektive pri plena naciigo de la edukado kiel gravega paŝo por popola identeco malgraŭ la malgrandeco de la lando.

* * * * *

# SEMINARIETOJ PRI ETNISMO KAJ FEDERALISMO

Kadre de la 2o-a Internacia Seminario de Germana Esperanto-Junularo (27.12.76 - o3.o1.77, Sensenstein apud Kassel, FRG) okazis ankaŭ du seminarietoj pli-malpli traktantaj etnajn problemojn.

La laborgrupo pri KRITIKA TRARIGARDO DE LA SINPREZENTO DE KELKAJ ETNAJ/LINGVAJ MINORITATOJ EN EŬROPO

studinte kelkajn karakterizajn ekzemplojn de lingvaj minoritatoj (slovenoj, vaskoj, frisoj, gronlandanoj),

rimarkinte la plurfoje troigeman tonon de la analizitaj dokumentoj,

konstatinte la maleblecon solvi ĉi tiun problemon kadre de la unuopaj naciaj ŝtatoj kaj

substrekinte la danĝeron ke la pledado por etna aŭtonomeco riskas evolui al ŝovinismo,

konkludas ke la nura taŭga premiso de solvo de tiu problemaro estas la starigo de Eŭropa Federacio, kiu ne baziĝu sur la koncepto de naciŝtato (konfederacio), sed sur integra federalismo.

Sensenstein apud Kassel (FRG), la 2-an de januaro 1977

Ĉi tiun raporteton akceptis la 8 konstantaj laborgrupanoj kaj la grupgvidanto.

En la unua grupkunsido 13 interesatoj respondis la ĉi-sekvajn demandojn:

1) Kiuj el la ĉi-sekve menciitaj ŝtatoj NE havas internan lingvo-problemon?
a) Grekio b) Islando c) Luksemburgio ĉ) Sanmarino
d) FR Germanio e) Andoro f) Malto g) Rumanio

2) En kiuj regionoj estas parolata(j) la frisa lingvo (respektive la frisaj dialektoj)?
a) b) c)

3) En Aŭstrio vivas a) 1o.ooo / 2o.ooo / 1oo.ooo slovenoj;
b) 2o.ooo / 35.ooo / 5o.ooo kroatoj;
c) 1o.ooo / 5.ooo / 1.5oo hungaroj.

4) Kial la du centraj slovenaj organizoj en Karintio propagandis bojkoton de la popolnombrado de 14.11.1976?

5) Kiuj estas la kvar lingvoj parolataj en Danlando (inkluzive de ties dependaj teritorioj)?
a) b) c) ĉ)

6) El la proksimume 2,8 milionoj da enloĝantoj de la 7 vaskaj provincoj de Hispanio kaj Francio parolas la eŭskeran (vaskan) lingvon
a) en Hispanio: 2.ooo.ooo / 1.ooo.ooo / 5oo.ooo / 1oo.ooo,
b) en Francio: 1o.ooo / 5o.ooo / 1oo.ooo / 1.ooo.ooo
personoj.

7) Kiu estas - almenaŭ laŭ kelkaj fakuloj - la rilato inter la "provenca" kaj la "okcitana"?

8) Kion signifas la du sekvantaj mallongigoj?
a) A.I.D.M.L.K.:
b) F.U.E.E.M.:

(La solvojn de tiuj problemetoj vi trovos en alia paĝo.)

La laborgrupo kunsidis 6 fojojn, sume 12 horojn, por sufiĉe serioze studi la prezentitajn tekstojn (9 paĝojn).

La alia s.m. seminarieto traktis la temon "La federalisma koncepto pri Eŭropo kaj la rolo de Esperanto en ĝi" kaj substrekis, ankaŭ en sia raporteto, la gravecon de la principo de aŭtonomeco de sociaj grupoj, kiu estas eminenta el etnisma vidpunkto.

* * * * *

## *Plattdütsch Land un Waterkant*

En Blatt vun un för plattdütsche Lüd'
Rutgeben för den Vereen "Quickborn" in Hamborg

53. Johr · Hamborg, Sommer 1976 · Blatt 2

Uns Blatt steiht dit Mol ünner en Thema wat uns all angeiht. Brennt uns meist op de Nägel. Ick heff do ook uns Schriewerslüd' üm beden, uns do mol wat öber to vertellen:

Umweltschutz un Umweltschmutz

Ick frei mi, heel veel hebbt's mi tostüert, eenfach to veel för dit Blatt. Ick muß männigeen Biedrag biekant schuben, den ick gern bröcht harr.

Bie all de mitholpen hebbt, mugg ick mi hartlich bedanken, wat se nu in't Blatt soht oder nich.

Rud. Hermann

**ümwelt**

(ansichten un utsichten)

sik sien söbensaken söken
sik sien'n sükensack säkern
sik denn stilkens üm de ecken
up de socken maken un verrecken

Oswald Andrae

# PLATDIĈA VIVO AŬ MORTO ?

Jes ja, aperadas libroj, revuetoj, diskoj en la platdiĉa (malaltgermana/basgermana ...); en nordgermanaj ĵurnaloj estas troveblaj - ne malofte - anoncoj pri geedziĝ-jubileoj (apenaŭ aliaokaze) en la platdiĉa lingvo. La malsupra ekzemplo estas tute arbitre prenita el "Nordwest-Zeitung" de la urbo Oldenburg (okcidente de Bremen).

Jes ja, ĉiutage (sen dimanĉo) estas aŭdeblaj minimume 1o minutoj da platdiĉa en la 2-a programo de la Nordgermana Radio aŭdebla inter Flensburg kaj Osnabrück, kaj ĉiusemajne unu- aŭ eĉ dufoje iu el la tri koncernataj radiostacioj elsendas radioteatraĵon aŭ ion similan en la platdiĉa. Dum la lasta kvaronjaro de 1976 estis anoncitaj pli ol 15o teatroprezentoj inter Flensburg kaj Münster, pli ol 7o klubkunvenoj kun voĉlegado de platdiĉaj verkoj kaj pli ol 2o lingvo- kaj literaturkursoj en vesperaj lernejoj.

Restas tamen, eĉ se oni rigardas ĉion ĉi tra pozitivigaj okulvitroj, iel amara gusto: Ĉu t i a aktiveco esence utilas por ne nur konservi, sed plifirmigi, antaŭenigi, disvastigi la platdiĉan lingvon? Tiuj asocioj kaj institucioj flegas la tiuregionan kulturon, sed ... en tiu nocio ne mankas la memoro pri malsano, malforto, morto.

Evidente la platdiĉoj ankoraŭ ne atingis la decidan turniĝ-punkton aŭ ... ili jam preteris ĝin sen paŝi en la direkton de adaptiĝo al la postuloj de tiu ĉi tempo kaj de ĉiuj antaŭaj: adaptado de la lingvo al la evoluo de la moderna kulturo. Mankas preskaŭ komplete la nefikcia literaturo, kaj se oni nomas iun teknikan fenomenon, simple oni uzas la literaturgermanan terminon!

Ŝajnas ke platdiĉoj ne kapablos iri tiun malfacilan vojon, se ili ne antaŭe ekkonsciintos pri sia kultura (se ne etna) alieco kompare kun la kunloĝantoj kiuj ne parolas platdiĉe.

* * * * *




**Steenkimmen**

De Tied vergeiht, de Dag is door, an'n 22. Oktober 1976 sind dat 50 Johr, at

**Jann Schröder un sien Anni**

wurn een glücklichet Poor.
De gröne Hochtied wurd fiert ganz groot in'n Tellt, de Hochtiedsbitter harn bannig väl Lüer bestellt. De „Sülwerne" fierten wi alltomol bi ehr in'n Hus up de Dool. Aber nu hebbt se us wäten loten, von de „Goldene" ok ordentlich wat to moken.
Jann lett an dissen Dag siene Swiensämmer stohn un Anni will in'n Köken ok nix doon, denn se willt hen mit all ehr Verwandten, de Kinner, de Nabers, Frünn un Bekannten na Dingstä na Strackerjans Sool. Dor gifft um Klock 7 dat Hochtiedsmohl, un achterno, bi Sluck un Beer, denn säker ok noch väl Pläseer. Kiekt all eben to, Jann un Anni rekt mit jo.
Dormit nix scheeflopen kann, mellt jo bit ton 15. Oktober 1976 eben an. Ruf 04482 / 341.
Von Harten wünscht wi dat golden Poor noch väle gesunde un glückliche Johr.

# PRI LA SITUACIO DE LA UZBEKA LINGVO

La 22-an de aprilo 1976 la FRG-sekretario de la Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK) estis turninta sin al multegaj landaj Esperanto-organizoj kaj al aro da unuopuloj por peti materialojn pri la etnaj minoritatoj de la koncernata lando kaj por informiĝi pri eventuala kunlaboro inter esperantistoj kaj minoritataj asocioj. Respondis kelkaj, malmultaj. La plej ampleksa informo venis el Taŝkent, la ĉefurbo de Uzbeka Socialisma Soveta Respubliko. Post skeptika redemandado niaflanka ĉe la uzbeka Esperanto-komisiono nun aperis en n-ro 1/1977 de la anglalingva revuo "Soveta Uzbekio hodiaŭ", paĝoj 14 kaj 16, kvazaŭ-respondo fare de Muŝarap Amilkanov, estrino de la departemento pri instrumetodoj de la uzbeka lingvo en la Pedagogia Esplor-Instituto de Taŝkent. Ni jen resumas:



En Uzbekio ekzistas pluraj grandaj eldonejoj, kiuj publicas ĉiujare pli ol 1.1oo verkojn kun sume 3o milionoj da ekzempleroj. La plimulto de tiuj libroj estas uzbek-lingvaj. La foto montras libroekspozicion.

La Granda Oktobra Socialisma Revolucio de 1917 donis al Uzbekio la kompletan liberigon de sub politika, ekonomia kaj nacia opreso kaj kondukis la uzbekojn el 98-procenta analfabeteco al 1oo-procenta instruiteco, en kio gravan rolon ludis la evoluigo de la uzbeka skribata lingvo. Montriĝis ke la araba alfabeto, uzita ĝis 1927, same kiel la latina, uzita ĝis 194o, ne taŭgis por speguli la specialaĵojn de la uzbeka fonetiko. Tial oni enkondukis la cirilan alfabeton, kiun oni iom modifis. La Instituto pri Lingvo kaj Literaturo de la Uzbeka Akademio de Sciencoj fervore laboris por la aktualigo de la nacia lingvo kaj tiucele akcelis la publicadon de aro da leksikonoj kaj studoj lingvistikaj. Aperas monata revuo pri uzbeka filologio: "Uzbek Tili va Adabioti". En Uzbekio ekzistas tri universitatoj kaj 14 por-instruistaj akademioj.
Ekzistas 2oo uzbek-lingvaj ĵurnaloj kaj revuoj kun 3 milionoj da ekzempleroj. Oni publikigas multajn tradukojn el aliaj lingvoj.
La ĝenerala instrulingvo estas la uzbeka, sed la gepatroj rajtas decidi, ĉu la infanoj studu pere de la uzbeka aŭ pere de la rusa, karakalpaka, kazaĥa, taĝika, turkmena, kirgiza aŭ alia lingvo, senkonsidere la etnaneco de la infanoj. En ĉiuj uzbeklingvaj lernejoj oni lernas ankaŭ la rusan kaj unu eksterlandan lingvon, dum en ĉiuj ruslingvaj lernejoj de Uzbekio ekde la 3-a grado oni lernas la uzbekan kaj unu eksterlandan. Post revizio de la instruplanoj nun la lernantoj studas sian uzbekan lingvon dum 5 jaroj kun 646 horoj (antaŭe nur 4 jaroj kun 455 horoj). -----

Sendube, la batalo kontraŭ analfabeteco estas grandioza kaj gravega, kaj neniu havus la ideon nei la grandan kulturan evoluon! Same cer-

tas ke la uzbeka lingvo havas oficialan pozicion kaj ke tiu pozicio estas nekompareble pli bona ol tiu de la frisa en FRG, de la nederlanda en Francio, de la slovena en Aŭstrio, de la eŭskera en Hispanio - por mencii nur malmultajn kazojn el la amaso da kritikindaĵoj de la politika okcidento. Estas pozitiva indico ke 98,6 % de la 9.200.000 uzbekoj parolas (kaj supozeblas ankaŭ legas kaj skribas) sian propran etnan lingvon, kaj ŝajnas ke tiu etno okupanta, laŭnombre, la trian lokon inter la multegaj etnoj de Sovetunio (post 129.000.000 rusoj kaj 40.750.000 ukrainanoj) ne povus esti inter la esence minacataj popoloj de vasta Sovetunio. Konsentite.
Tamen, estas iom malplaĉe stranga trajto de ĉiuj sovetuniaj (kaj aliaj politike orientaj) informoj, ke oni nenion aŭ ekstreme malmulton ekscias pri la proporcioj de lingvouzado en la publika vivo. En Uzbekio konkrete interesus:

* Kiom da ruslingvaj lernejoj (unua-, dua-, triagradaj) ekzistas apud kiom da uzbeklingvaj?
* Kiugrade oni uzas (kiumotive?) la rusan lingvon en la administracio, en justico, en parlamentoj?
* Ĉu en Uzbekio oni eldonas ruslingvajn ĵurnalojn kaj revuojn (kial? kiajn?) ?
* Kia estas la proporcio inter ruslingvaj kaj uzbeklingvaj filmoj, teatraĵoj, radio- kaj televidoprogramoj?
* Kiun pezon havas la nivelo de ruslingvaj konoj de konkursantoj pri laborposteno?
* Kiom da ruslingvuloj elmigris en Uzbekio dum la pasintaj 30 jaroj?

Ni nenion scias pri la fonologia strukturo de la uzbeka lingvo kaj konsekvence ne arogas al ni la rajton prijuĝi ĉu la araba, latina aŭ cirila alfabeto preferindas ĉi-kaze. Konsiderante la fakton ke Sovetunio definitivigis la cirilan skribon ankaŭ por moldavoj (parolantaj kultur-dialekton de la rumana lingvo) kaj gagaŭzoj (kies idiomon kelkaj lingvistoj nomas kultur-dialekto de la turka), dum Rumanio kaj Turkio adoptis la latinan skribon kun certaj modifoj, ni kuraĝas demandi, ĉu adekvate modifita latina alfabeto ne donus al la uzbekoj (kaj aliaj etnoj de Sovetunio) ekstreme taŭgan skribsistemon kaj samtempe vastan internacian perspektivon?

**ETNISMO** estus tre dankema al tiuj kiuj pretus kontribui ĉi-kampe per informoj kaj diskuteroj!

* * * * *

# La ciutat cremada

Jen la titolo de libro kaj filmo furoraj en Barcelona. Dum malpli ol 9 monatoj necesis 3 eldonoj, kaj la filmon oni projekcias simile longan tempon. Kiel kompreni tian sukceson?
Tiu ĉi filmo estas la unua normala kineja katalunlingva filmo post la intercivitana milito. Aktoras, krom kutimaj filmuloj, aro da nuntempaj teatraj aktoroj, kantistoj, politikistoj. La enhavo de "La bruligita urbo" estas parte historia: La filmo skizas la evoluon de la kataluna kaj hispana historio inter 1899 (post la malvenko en Kubo) kaj la t.n. Tragika Semajno de julio 1909 (ribelo kontraŭ la rekrutigo por la milito en Maroko), interplekte kun la vivo de burĝa familio, en kiun "penetris" laboristo. Gravan funkcion en la filmo havas, evidente la luktado inter katalunistoj kaj centristoj, ĉar tiu fenomeno estas absolute aktualega, kaj la publiko en la kinejo aplaŭdas certascene la katalunajn postulojn. La prologinto de la libro substrekas ke tiu filmo estas eminente instrua montrante la naciajn kaj popolajn aspirojn de tiama kaj nuna Katalunio kaj atentigante pri la manko de ideario kaj organiziteco en 1909.

* * * * *

# POLITIKO EN VASKIO

"Politiko en Vaskio" estas aŭdace vasta kadro, ĉar politike eĉ ne klaras kio estas Vaskio (Araba, Bizkaia, Gipuzkoa - certe, Nafarroa - eventuale, Lapurdi, Nafarroa Beherea, Zuberoa - esperate), ĉar temis dum 4o jaroj preskaŭ ekskluzive pri politiko el Madrido al Vaskio kaj kutime kontraŭ Vaskion (en norda Vaskio tia politiko jam pliaĝas kaj certe pli longe vivos ol en la sudo), ĉar la vaskaj politikistoj, tute kompreneble en tiu ĉi embrieca stato, ne tute firmiĝis en siaj pozicioj, ĉar enfokusiĝas samtempe kaj samimpete tuta fasko da problemegoj: amnestio de politikaj enkarcerigitoj - agnosko de ĉiuj partioj - aŭtonomeco de Vaskio - oficialigo de la eŭskera - integrigo de la aliprovincaj enmigrintoj - prezoj kaj salajroj - libereco de sindikatiĝo - lerneja strukturo - ktp. ktp.

Ĉi-momente ŝajnas ke la plej diversaj politikaj partioj (ĉu oficialigitaj aŭ ne) en Vaskio pli-malpli unuanime marŝas laŭlitere sub la sama flago: la ĉi-supre skizita "ikurriña", permesita fare de la registaro de Adolfo Suárez finfine la 19-an de januaro 1977. Tiu flago estas, en la plej profunda senco, la simbolo de la vaska identeco, ĉar ĝin decidis hisi municipoj el ĉiuj provincoj senkonsidere de situo en aŭ ekster la eŭskera lingvo-zono, kaj ..... proteste kontraŭ la permeso de la "ikurriña" demisiis la guberniestroj de Bizkaia kaj Gipuzkoa kaj iuj municipestroj argumentante ke tiu flago estas signo de la Vaska Nacia Partio. Ĉi-rilate eventuale memorindas ke dum somero 1973 la hispana polico, sub minaco per mitraletoj, devigis la eldonanton de ETNISMO forpreni de la aŭtoglaco tiun saman flageton kaj detrui ĝin, ĉar "ĝi estas de la E.T.A." ..... Depost januaro en Vaskio estas inundo de tiu flago sur homaj brustoj, ŝipmastoj, afiŝoj, memorigaĵoj, en montrofenestroj, sur aŭtoj kaj kie ajn iel eblas.

Tiufone tamen surprizas ke la Madrida registaro (de la "antaŭ-demokratio") malpermesis la manifestaciojn okaze de la ĉi-jara "Aberri Eguna" (t.e. "Tago de la Patrujo") anoncitajn por la paska dimanĉo (1o.o4.1977) en Gazteiz/Vitoria. Dum la ekstrema maldekstro klopodis, malgraŭ la senmezure rigora fermo de Gazteiz ekde o9.o4.77, efektivigi la planitajn manifestaciojn en tiu urbo kovrita sub forta neĝado, la Vaska Nacia Partio, Hispana Laborista Socialisma Partio, Vaska Socialisma Unuiĝo kaj Komunisma Partio de Vaskio senĝene, publike kaj sen grava polica interveno "festis" la nacian tagon en Loyola, eĉ for-

pelante - laŭdire ĝenantan - grupon de "Euskal Iraultzarako Alderdia" (t.e. "Partio por la Vaska Revolucio", oficialigita transformaĵo de la ĉefa branĉo de E.T.A.). Pro tiu sinteno apartisma la "establitaj" partioj devis gluti fortegajn riproĉojn de la "fidelaj" manifestaciintoj de Gazteiz. - Apenaŭ konvinkas la registara konduto, kiun aldone nigrigas la brutala interveno de la fifama "Armita Polico" en Gazteiz kaj multaj aliaj vaskiaj municipoj, kie okazis manifestacioj.

Jen tre supraĵa provo doni ideon pri la partia kalejdoskopo de Vaskio:

| Politika "familio" | tipe vaskiaj partioj | partioj (filiaj) de Hispania horizonto |
|---|---|---|
| trockistoj | --- | Komunisma Revolucia Ligo (E.T.A.-6) |
| marksistoj-leninistoj | *E.T.A.-militistoj<br>*Partio por la Vaska Revolucio (eks-E.T.A.)<br>*Patriota Revolucia Laborista Partio | Komunisma Movado de Vaskio<br>Revolucia Organizo de Laboristoj<br>Partio de la Laboro de Hispanio |
| eŭrokomunistoj | --- | Komunisma Partio de Vaskio |
| socialistoj | Vaska Nacia Agado<br>*Socialisma Partio de Vaskio<br>Vaskaj Socialistoj<br>*aliaj grupoj formiĝantaj | Hispana Laborista Socialisma Partio<br>Popola Socialisma Partio de Vaskio |
| (ne klasifikebla) | --- | Karlisma Partio de Vaskio |
| socialdemokratoj | Vaska Socialisma Unuiĝo | --- |
| kristandemokratoj | Vaska Nacia Partio | Vaska Kristandemokratio |
| dekstruloj | --- | Aŭtonoma "Proverista" Partio de Vaskio |

La asterisko antaŭ kelkaj parti-nomoj signifas ke tiuj partioj celas la kompletan sendependecon de kreota vaska ŝtato, dum ĉiuj aliaj partioj akceptas la apartenon de pli-malpli aŭtonoma Vaskio al la Hispana Ŝtato. La Socialisma Partio de Vaskio estas la sola el la menciitaj kiu etendiĝas tra hispania kaj francia Vaskio kaj kiu vidas eblecon per konvena propagando kaj popola voĉdono regajni por Vaskio teritoriojn, en kiuj oni parolis eŭskere antaŭ multaj jarcentoj .....

Evidente tute ne sufiĉas la supraj kriterioj (vaskeco/tuthispaneco, sendependistoj/integristoj) por karakterizi la politikajn grupojn: Nepre necesas rigardi la soci- kaj ekonomi-politikajn ideojn, kiuj ĉi-supre estas nur aluditaj per la "familio".

==========================================================

Solvoj de la problemetoj de paĝo 11: 1) Islando kaj Sanmarino, 2) nederlanda provinco Frislando, nordokcidenta Ŝlesvigo-Holstinio (FRG) kaj Saterlando (distrikto Oldenburg, FRG), 3) 20.000 slovenoj, 35.000 kroatoj kaj 5.000 hungaroj, 4) timo ke germannaciisma propagando igus multajn slovenojn deklari sin germanlingvaj, 5) dana, feroa, groenlanda, germana, 6) Hispanio: 500.000, Francio: 100.000, 7) la provenca estas dialekto de la okcitana, 8) AIDMLK: Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj, FUEEM: Federacia Unuiĝo de Eŭropaj Etnaj Minoritatoj.

**ETNISMO** INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ
Eldonas kaj Uwe Joachim Moritz, Feldstr. 38, D-5190 Stolberg 8,
redaktas: tel.: 49-2402-72336, poŝtĝirkonto: 232612-306 Hannover
JARABONO (3 numeroj): 8,-- gm (ĉeke: 12,-- gm), n-ro 1/1977